# En la 25-a L.K.



La Karavelo
esperanto-eldonejo




Preferinde kontaktu La Karavelon ĉe
**lakaravelo@gmail.com**

LK-Katalogo ĉe
**www.lakaravelo.com**

**Adreso**
Dr. João José Santos
Rua Damasceno Monteiro,
21-B, r/c dto.
1170-109 Lisboa – Portugal

**Telefono** (+351) 218 127 801
**Fakso** (+351) 218 127 801
(telefonu antaŭe)
**PoŝTel.** (+351) 960 131 515



**ISSN (papera):** 1647-6980
**ISSN (DVD):** 1647-6999
**ISSN (reta):** 1647-3353

**Leĝa Depono en "Biblioteca Nacional de Portugal"**
301472/09

**Papera versio:**
ĉiu revuo: 8 € + sendokostoj
jara abono (6 revuoj): 48 €
(LK donacas la sendokostojn)
**Pdf-versio (neprintebla):**
ĉiu pdf-dosiero: 3 €
jara abono (6 pdf-oj): 12 €





***Stabo de La Karavelo***
Cindy McKee (Usono) 📖✍
Djalma Pessata (Brazilo) 📖
Eduardo Novembro (Portugalio) 📖
Geraldo Mattos (Brazilo) 📖
Gerrit Berveling (Nederlando) 📖
João José Santos (Portugalio) 📖✍
Kurt Fischer (Germanio) ✍
Leo De Cooman (Belgio) 📖
Luiza Carol (Israelo) 📖✍
Nikolaj Neĉaev (Rusio) 📖
Roberto Ribeiro (Brazilo) 📖
Roger Gotardi (Brazilo) 📖✍
Valentin Melnikov (Rusio) 📖✍

* 📖 - verkas aŭ tradukas
✍ - revizias

***Fondis, Direktas, redaktas, kompostas***
João José Santos (Portugalio)




NUMEROJ DE 2007 - 2008 - 2009
KUN TRE RABATITA PREZO
ĜIS ELĈERPIĜO

## Eldonoj de

# La Karavelo






| verko | aŭtoro | lingvo | pdf | libro | poŝto |
|---|---|---|---|---|---|
| **Magazino *La Karavelo***<br>ĉiu ekzemplero:<br>jara abono:<br>**Antikvaj numeroj de LK**<br>volumo 1 (01-6):<br>volumo 2 (07-12):<br>volumo 3 (13-19):<br>**volumo 1-2-3:** | Verkas, tradukas, revizias kaj kunhelpas ĉirkaŭ 20 homoj el multaj landoj. Konsultu la kolofonon de la lasta revuo. | esperanto | <br>3,00 €<br>12,00 €<br><br>00,00 €<br>00,00 €<br>00,00 €<br>00,00 € | <br>8,00 €<br>48,00 €<br><br>23,00 €<br>23,00 €<br>23,00 €<br>**46,00 €** | <br>(a)<br>(b)<br><br>(c)<br>(c)<br>(c)<br>**(b)** |
| ***Esperanto em 30 horas***<br>Lernolibro de esperanto por portugallingvanoj. | João José Santos | portugala<br>esperanto | 8,00 € | 25,00 € | (c) |
| ***Zamenhof, um cidadão do mundo***<br>DVD-dokumentario pri la vivo de Zamenhof. | Djalma Pessata | portugala | --- | 18,00 € | (a) |
| ***As bases do esperanto num sábado***<br>Esperanto-kurso en unu tago. La lernanto nepre devas havi la paperan version de la libro *Esperanto em 30 horas.* | João José Santos | esperanto<br>portugala | unutaga kurso<br>65,00 €<br><br>(prezo por 1 lernanto - minimume 5 lernantoj) | | --- |
| ***Rakontoj por ĉiuj aĝoj***<br>Libro kun 26 rakontoj en facila esperanto. | Luiza Carol | esperanto | 6,00 € | 16,00 € | (a) |
| ***Liberaj tempoj***<br>Novelo pri unu tago en la vivo de manlaboristo. | Eduardo Novembro | esperanto | 6,00 € | 16,00 € | (a) |
| ***Nek titano nek Apolo***<br>50 poemoj. Ĉiu poemo estas en ambaŭ lingvoj. | João José Santos | esperanto<br>portugala | 6,00 € | 16,00 € | (a) |
| ***La ĝenerala asembleo***<br>Komeditragedio pri du malsamaj konceptoj pri esperanto-asocioj. | João José Santos | esperanto | 6,00 € | 11,00 € | (a) |
| ***Bildkartoj de LK - ĉiu***<br>Koloraj, 10cm x 15 cm. | João José Santos | esperanto | --- | 1,00 € | (a)<br>ĝis 15 |




















| sendokostoj | | | |
|---|---|---|---|
| | **portugalio** | **eŭropa unio** | **aliaj landoj** |
| (a) | 3,00 € | 4,00 € | 5,00 € |
| (b) | Donace de LK | Donace de LK | Donace de LK |
| (c) | 3,00 € | 6,00 € | 8,00 € |

**Pagu per**
UEA-konto - poŝto - bankĝiro
**Rabatoj laŭ kvanto**
≥ 5 egalaj varoj –> 20%
≥ 15 egalaj varoj –> 25%
**Mendu ĉe**
La Karavelo
lakaravelo@gmail.com
Portugala Esperanto-Asocio (libroservo)
Sabate 15h-18h: tel. 217141359
Universala Esperanto-Asocio
http://katalogo.uea.org/

***La Karavelo***
*esperanto-editejo*

**Informoj pri La Karavelo**
Informiĝu per la LK-Katalogo el www.lakaravelo.com
Se vi plu havas dubojn, skribu al lakaravelo@gmail.com

**Subteno de La Karavelo**
Jen kiel vi povas subteni La Karavelon:
Abonu ĝin. – Aĉetu ĝiajn librojn. – Diskonigu ĝin.
Donacu varojn el La Karavelo.
Skribu aŭ vizitu niajn anoncantojn gratulante ilin
pri anoncado sur niaj paĝoj.



João José Santos

joaojosesantos@gmail.com

# Ĉu vi volas verki por La Karavelo?

## Prologo: Antaŭ ol interreto...

Antaŭ ol interreto, kiam verkisto proponis artikolon al revuo, tiu artikolo restis ligata al la revuo, kiu publikis ĝin. Kiam la verkisto deziris sugesti sian artikolon al alia homo, li diradis: "Ĝi aperis en tiu revuo, en tiu numero. Ĝi haveblas ankoraŭ." Simpla mondo estis tiu, kaj en kelkaj aferoj ĝi estis pli efika.

## Poste aperis interreto...

Poste aperis interreto, kaj ĝi disvolviĝis. Pro interreto aperis novaj oportunoj publiki artikolojn, revuojn kaj librojn.

Kelkaj publikas siajn verkojn rekte en blogoj kaj invitas la amikojn legi ilin, alifoje la verkoj aperas en la sociaj retoj, alifoje en aliaj lokoj, kaj samtempe ili aperas en paperaj revuoj.

Tamen, plu estas verkistoj kaj revuoj, kiuj konsideras la tekstojn io ekskluziva de nur unu publikaĵo: ĝenerale tio okazas ĉe la plej seriozaj revuoj, libroj kaj en la fakaj publikaĵoj, inter kiuj la sciencaj.

## Rajtoj plu estas rajtoj

Efektive, plu ekzistas revuoj, kiuj ne konsentas, ke ties artikoloj aperu en iu ajn alia loko (reta, papera aŭ alia), antaŭ aŭ post ilia publikigo. Tiuj revuoj deziras, ke la leganto aĉetu ĝin, se li volas legi kaj arkivi la deziratan artikolon. La Karavelo estas unu el tiuj revuoj.

La redaktisto de La Karavelo ne bezonus klarigi la funkcimanieron de ĉi tiu magazino, se nia movado, kaj do la celpubliko de LK, ne estus grupo de amikoj, kiuj apudece interrilatiĝas. Ĉi tiuj klarigoj celas precipe la gejunulojn, kiuj jam naskiĝis kun interreto, kaj do havas percepton de la mondo donitan de la interreta libereco. Tamen, ofte la gejunuloj forgesas, ke libereco implicas ne nur rajtojn sed ankaŭ devojn, kaj ke ambaŭ estas reguligitaj de leĝoj, kiujn civilizitaj kaj decaj homoj devas respekti. Miaj 52 aĝojaroj jam donas patrecan paciencon al mi por klarigi ĉi tiujn aferojn.

## Revuoj ne pluvivas sen aĉetantaj legantoj

Se la artikoloj de La Karavelo estus aperintaj antaŭe en alia revuo, kial la leganto abonus ĝin? Se la leganto povus legi la samajn artikolojn poste aliloke, kial li aĉetus nian magazinon? Finfine, se publiki en revuo aŭ en blogo estus la sama, kial la ĵurnalistoj farus la revuojn, kaj kial la plej prestiĝaj revuoj en la tuta mondo plu vendiĝas?

La Karavelo nur eldoniĝas pro la esperantisma donkiĥoteco de sia fondinto, kiu memofere pagas por ke ĝi aperu. Ĝis kiam? La esperantistoj pensu, ke se ĝi malaperos, esperanto perdos unikan kaj raran magazinon. Ĉu ne estus pli bone subteni ĝin?

## Diferenco inter publikadoj

Revuo estas ento, kiu eĉ postvivas ne nur la morton de sia fondinto, sed ankaŭ sian propran morton.

Efektive, eĉ post kiam revuo ne plu eldoniĝas, oni povas konsulti la aperintajn numerojn, oni povas citi ilin en magistraj aŭ aliecaj tezoj, en libroj, en aliaj revuoj, ktp. La Karavelo havas internacian revuan numeron (ISSN), per kiu oni trovas ĝin ĉie en la mondo. Krom ISSN, LK havas deponleĝan numeron en Nacia Biblioteko de Portugalio, kie kuŝas du ekzempleroj de ĉiu LK-numero. Do, seriozaj esploristoj ĉiam povos referenci numeron de LK. Revuo estiĝas eterna

**Ĉi-tie staras ĉiuj LK-kovriloj eldonitaj ĝis nun: entute 25.**
**Ĉiu el ili belas pro si mem kaj pro originaleco: ĉiu estas malsama.**
**Kial do sama artikolo aperu en diversaj revuoj?**
**En esperanto-gazeto devas troviĝi**
**altkvalito, beleco sed ankaŭ originaleco.**

kulturilo, kiu trapasas la tempojn kaj la generaciojn. Tiam, kie estas la blogoj kaj la sociaj retoj? Ili jam malaperis kaj ĉio forviŝiĝis.

## Kies estas la poemo?

Se artikolo aperas publikita en diversaj lokoj, ĉar la aŭtoro sendis ĝin ĉien, eĉ la aŭtoro malfacile povos pruvi, ke li mem aŭtoras ĝin. Se iam li volos konstrui libron el siaj disaj poemoj, ne facile li povas pruvi ke iu poemo estas lia, ĉar intertempe alia aŭtoro miksis siajn ideojn kun tiuj de alia, kaj plagiatis la poemon. Ne facile oni scios, ĉu unu ĉu la alia verkis la unua tiun poemon.

Estas kompreneble, ke infanoj kaj adoleskuloj metu siajn poemojn ĉien, kun la deziro montri siajn poeziajn lertaĵojn. Oni ne komprenas, ke responsa homo ne antaŭvidu la leĝajn problemojn, kiuj povos aperi pro tia troliberisma maniero disigi siajn proprajn verkojn.

## Kunlaboro kun La Karavelo

Iel ajn, sendepende, ĉu oni konsentas aŭ ne kun ĉi tiu vidpunkto, ĉiuj revuoj havas siajn regulojn, kiujn nepre oni devas respekti, krom se la sovaĝulo preferas pagi altan sumon al la lezito, laŭ decido de juĝisto.

Ankaŭ La Karavelo havas siajn regulojn. Rilate ĉi tiun aferon, La Karavelo ne permesas, ke la propra aŭtoro de la artikolo, aŭ iu ajn alia homo aŭ ento, publiku ĝin aliloke, sen skribita permeso far la direktisto de La Karavelo.

Do, en nia magazino la artikoloj estas ekskluzivaj de LK. Ili ne povas aperi antaŭe nek poste aliloke. Tio evitas al ni sennecesajn juĝejajn problemojn, kaj igas nian magazinon unika, ĉar la leganto ne trovos la artikolojn ekster nia magazino. Jam okazis kaj plu okazos republikigadoj en LK kaj ankaŭ konsentoj de republikigo de LK-artikoloj en aliaj revuoj. Tamen, tio dependas de interkonsento inter la LK-direktisto kaj la verkisto de la koncerna artikolo.

La LK-verkistoj fieras pri LK. Kiam ili deziras aludi al siaj artikoloj, ili aludas al la LK-numero, kiun iu ajn povos aĉeti en papero aŭ en pdf-dosiero.

Kiam necese, en seriozaj laboroj, oni povas referenci la verkojn aperintajn en niaj numeroj, kaj la legantoj povas konstrui siajn bibliografiajn listojn enkalkulante, ke tiuj verkoj aperis en serioza revuo, kiujn ili trovos en kelkaj bibliotekoj tra la mondo.

Kompreneble, LK respektas la diferencon, kaj kompreneble kelkaj homoj preferas havi la liberecon plukopii siajn verkojn por la amikoj, anstataŭ konduki la amikojn al la aĉeto de la revuo aŭ libro, kie la verkoj aperis. Tamen, tiuj bonvole ne proponu kunlaboron al La Karavelo.



lakaravelo@gmail.com



**Gerrit Berveling**
trad. el la Latina
verkis la biografion

# Pri reĝo Arturo [1]

**de Godfredo de Monmouth**
**(ĉ. 1100-1155)**



**La juna Merlino parolas al la Reĝo Vortigerno.**
**Ilustraĵo el *Prophetie Merlini* de Geoffrey de Monmouth,**
**en la Nacia Biblioteko de Britio.**
**danke al Vikipedio**

## GODFREDO (Geoffrey) de Monmouth

estis naskita en Monmouth (Kimrujo) ĉ. 1100. Tie li ricevis sian edukiĝon kaj laboris kiel skribisto. Inter 1129-1151 kiel kanoniko de la Aŭgustin-kolegio *St. Georg* kaj kiel instruisto li troviĝis en Oksfordo, tiutempe jam centro de edukado. En 1151 li estis ordenita pastro kaj fariĝis episkopo de St. Asaph en Nord-Kimrujo. Tie li mortis en 1155.

En Oksfordo tri verkojn li realigis: unue *Prophetie Merlini* (profetaĵoj de Merlino), parte traduko el Brita lingvo, sed kun akompanaj buŝe transdonitaj informoj.

Lia dua verko estas *Historia regum Britannie* (historio pri la reĝoj de Britio) – en 11 libroj. Sian *Profetaĵoj de Merlino* poste li uzis kiel ĝian sepan libron. Amaso da manuskriptoj atestas ĝian grandan favoratecon.

Krom tio (ĉ. 1150/51) li verkis en 1529 heksametroj *Vita Merlini* (vivo de Merlino), kiu tamen ne ricevis multe da reeĥo siatempe, se juĝi laŭ la nombro de la kodeksoj: unu kompleta kaj ses fragmentoj. En tiu ĉi verko Geoffrey uzis krom la *profetaĵoj* ankoraŭ multe da malnovaj Keltaj fontoj.

La sagao pri reĝo Arturo (depost 1155 famiĝis la nomformo Artus) kreskis sur historia grundo: reĝo Arturo (Arturus) kaj kelkaj el liaj Kavaliroj de la Ronda Tablo estas atestataj kiel historiaj personoj en Britio, sed ne jam ĉe la (Latinlingvaj) historiistoj Gildas kaj Beda, sed nur ĉe Nennius – post 700 p.Kr. En du lokoj legeblas tie, ke «dux bellorum Arturus» (la militestro Arturo) kun la reĝo de la Britoj batalis en 12 bataloj kontraŭ la invadintaj Saksoj, en la 8-a batalo li portis Maria-bildon sur la ŝultroj, kaj en la 12-a batalo ĉe Mons Badonis li mem batal-mortigis 960 Saksojn. En posta raportaĵo, 2-a duono de l' 10-a jc, Arturo ĉe la batalo de Badonis tri tagojn kaj tri noktojn kunportas la krucon de Kristo sur siaj ŝultroj.

Minimume oni do povas diri, ke la rakonto-ĉeno ĉirkaŭ reĝo Arturo jam ekekzistis antaŭ Geoffrey.

Ŝajne, iu Brita militestro kun la Roma nomo Artorius aŭ simile montris sin eminenta en la rezistobataloj de l' originaj Keltoj kontraŭ la invado de la Saksoj.

La historio laŭdire komenciĝis en Trojo; fuĝintoj de tie kunvenigis homojn el la limoj de l' Mediteranea mondo (kolonoj de Herkulo – Gibaltar) kaj kune fondis regnon sub reĝo Brutus, de kiu devenus la nomo Brito ktp. Unu el liaj posteuloj fondis Londonon – tiel do la historio Brita estis bone fundamentita en la klasika kulturo. – Sekvis la Romia periodo: sed post kelkaj jarcentoj ekmalaperis la Romia potenco de la Brita insularo. Oni forte suferis sub invadoj de Piktoj, Saksoj k.a. Jen ekagadas Arturo, nur 15-jara kaj jam kronita reĝo. Sed jam ĉe lia naskiĝo la viziulo Merlin antaŭdiris grandaĵojn pri li... [2]

[1] Fragmento el verkata *Antologio Latina* volumo 9. (GB)

[2] Koncerne nomojn mi plurfoje hezitas: foje mi senpere Esperantigas senprobleme; sed foje mi uzas nacilingvajn formojn; alifoje iom intermiksas ilin. Vera por ĉiuj akceptebla solvo pri tiu temo ankoraŭ ne ekzistas nialingve. (GB)

* * * * *

## Fragmento el la verko de Geoffrey

### El libro 9:1

Post la entombigo de Utherpendragon[3] el la diversaj provincoj kunvenis la princoj de la Britoj en Silchester, kaj ili sugestis al arĥiepiskopo Dubricio[4] de la Legio-urbo[5] konsekri Arturon, filon de l' reĝo[6], kiel novan reĝon. Neceso efektive urĝis ilin, ĉar post kiam diskoniĝis la morto de l' menciita reĝo, la Saksoj venigis al si siajn samgentanojn el Germanio, kaj sub gvidado de Kolgrino[7] klopodis neniigi la Britojn. Ili jam submetis al si grandan parton de la insulo, de la Humber-rivero ĝis la *Caithness*-lago[8]. Dubricio prilamentis la malfeliĉon de sia patrujo, kunvokis al si la episkopojn kaj ornamis Arturon per la reĝa diademo. Arturo estis 15-jara junulo de nekutima eminenteco kaj malavaro, kaj lia ennaskita boneco havigis al li tian gracion, ke preskaŭ la tuta popolo lin amis. Vestite do per la reĝaj insignoj, li agis laŭ la tradiciaj kutimoj kaj montris sian donacemon; alfluis al li tiel granda amaso da soldatoj, ke ekmankis al li, kion li disdonu. Sed kiu laŭnature estas malavara kaj samtempe virta, eĉ se pormomente li havus mankon, tamen daŭra malriĉo neniel povas turmenti lin. Ĉar do Arturo kombinis en sia persono virton kun malavaro, li decidis maltrankviligi la Saksojn per tio, ke per iliaj posedaĵoj li riĉigu siajn sekvantojn, kiuj servis al li. La konscio pri siaj rajtoj instigis lin al tio, ĉar laŭ hereda juro li devis akiri la solreĝadon pri la tuta insulo. Tial li kunvokis al si siajn subulojn-junulojn, kaj iris al Eborako[9].

Tuj kiam tion sciiĝis Kolgrino, li kunvenigis siajn Saksojn, Skotojn kaj Piktojn kaj kun plej granda amaso atakis <Arturon> apud la rivero Duglas[10]. Tie okazis interbatalo, kaj



Geoffrey de Monmouth

ambaŭ armeoj trafis en grandan danĝeron. La venkon tamen akiris Arturo, persekutis la fuĝantan Kolgrinon, kaj sieĝis lin, kiam li retiriĝis en Eborakon. Je la novaĵo pri la fuĝo de sia frato, Baldulfo[11] rapidis kun ses mil soldatoj al la sieĝo, por liberigi lin el la enfermiteco. Tiutempe kiam lia frato faris ĉi batalon, li mem ĉe la marbordo ĵus estis atendanta la alvenon de duko Heldriko[12], kiu el Germanio estis survoje por helpi ilin. Kiam do Baldulfo ankoraŭ dek mejlojn distancis de la urbo, li decidis pli rapidigi per nokta marŝado, por fari surprizatakon. Tion sciiĝis Arturo, kaj tiu ordonis al duko Kadoro de Kornubio[13], renkonti lin tiun saman nokton

---

[3] Tria filo de la reĝo Konstantino la 2-a de la Britoj, li nomiĝis origine Uther; sed post kiam ili estis elektita reĝo, oni nomis lin Utherpendragon (drakokapo), ĉar helpate de drako Merlin profetis, ke li estos reĝo. (GB)

[4] Poste Primaso de Britanio kaj papa delegito, fine fariĝis ermito. (GB)

[5] Ĉefurbo de Nemetio, origine Kareŭsk, konata laŭ la Romiaj legioj kiuj siatempe travintris tie. (GB)

[6] Utherpendragon. (GB)

[7] Estro de la Saksoj. (GB)

[8] Caithness, graflando en plej norda parto de Skotlando. (GB)

[9] York, fondita de reĝo Ebraŭko de *Loegria*. (GB)

[10] Douglas, rivero apud York. (GB)

[11] Baldulfo – frato de Kolgrino, alia estro de la Saksoj. (GB)

[12] Cheldric – estro de la Saksoj en Germanio. (GB)

[13] Cornwall. (GB)

kun sescent rajdistoj kaj tri mil piedsoldatoj. Li atingis la vojon, laŭ kiu iris la malamikoj, atakis ilin neatendite, dismembrigis kaj mortigis la Saksojn, kaj devigis la ceterajn al la fuĝo.

<Baldulfo> terure koleris, ĉar al sia frato li ne sukcesis helpi; li pripensadis, kiel li povos atingi interparolon kun li; ĉar li ja kredis, ke pere de komuna interkonsiliĝo ili povos trovi vojon al saviĝo, se almenaŭ li kapablos trafi en lian personan ĉeeston. Ĉar li ne havis alian eblon alproksimiĝi al li, li forrazis al si hararon kaj barbon kaj vestis sin kiel ludisto kun citro. Poste en la kampadejo li ĉirkaŭpaŝis kaj per siaj melodioj, kiujn citre li ludis, li sin ŝajnigis ludisto. Kaj ĉar neniu eksuspektis, iom post iom li alproksimiĝis al la remparoj de la urbo, daŭrigante sian komencitan ŝajnigadon. Fine, kiam la sieĝatoj rimarkis lin, je ŝnuregoj ili tiris lin inter la remparojn kaj kondukis lin al lia frato. Tie, kiam sian fraton li ekvidis, li ekstimulis lin laŭsatiĝe per kisoj kaj brakumoj, kvazaŭ el la morto li estus resurektinta. Kiam post multoblaj interkonsiliĝadoj ili komencis jam malesperi, ke iam foje ili ree kapablos liberiĝi, jen revenis la senditoj el Germanio, kiuj sub gvido de Heldriko alkondukis sescent ŝipojn al Skotlando, plenajn je fortikaj soldatoj.

Kiam la konsilantoj de Arturo tion eksciis, ili instigis lin ne plu daŭrigi la sieĝon, por ne, se tia amaso da malamikoj inundos ilin, liveri tiel dubindan batalon.

**9:2**

Arturo obeis al la konsilo de siaj konsilantoj kaj retiris sin en la urbon Londono. Tie li kunvokis la pastraron kaj la princojn el sia tuta regno kaj petis ilian konsilon: kio estas la plej bona kaj avantaĝa por fari kontraŭ la invado de la paganoj. Sub komuna decido oni sendis mesaĝistojn al Armoriko[14] al reĝo Hoel, por informi lin pri la katastrofo en Britanio. Tiu Hoel estis la filo de l' fratino de Arturo, kaj naskita de Budicio, reĝo de la Armorikaj Britanoj[15]. Kiam li aŭdis pri la problemoj, kiuj trafis lian onklon, li ordonis al sia floto pretigi sin; li kunigis 15000 armatojn, kaj sub helpa vento navigis al la Haveno de Hamono[16]. Arturo bonvenigis lin kun la ŝuldata respekto, kaj ambaŭ sin ofte tutkore brakumis.

[14] Bretonio. (GB)

[15] Hoel la 1-a la Granda, reĝo de Bretonio, filo de Budicio la 2-a, reĝo de Bretonio, kiu ne estis edzo de Anna, la fratino de Arturo, sed de la fratino de Aŭrelio Ambrozio. (GB)

[16] Nuna Southampton, kiu ricevis sian nomon laŭ la generalo Hamono (Hamo) de la Romia imperiestro Klaŭdio. (GB)

* * * * *

En la sekvaj ĉapitroj oni legas, ke Arturo kaj Hoel la sieĝon de Lincoln fare de la Saksoj disrompas; kiuj rifuĝas al Nord-Skotlando, tiujn enfermitajn en iu arbaro, per malsatigo ili devigis sin transdoni.

Poste Arturo devas denove pretigi sin por forta batalo – kiel granda reĝo li portas decan kirason, surmetas oran kaskon, sur kiu bildigita estas drako, prenas la ŝildon Pridwen (sankta Maria estas portretita sur ĝi) kaj ĉirkaŭligas al si la glavon Kaliburn, kiu estis forĝita sur la insulo Avalon[17]; dekstramane li prenas sian altan kaj larĝan lancon Ron. Same kiel ankaŭ jam en la rakontociklo ĉirkaŭ Karolo la Granda, Rolando kaj la Maŭroj, ĉiuj armiloj havas proprajn nomojn.

Arturo, kiu per sia glavo Kaliburn dum unu batala tago mortigas 470 kontraŭulojn, kompreneble tuj venkas. Oni konkeras plurajn regionojn, foje vere miraklajn: ekzemple ie en Skotlando ili trafis la lagon Lumonoi (Loch Lomond), kie Arturo persekutas la malamikojn sur 60 insuloj – la lago havis laŭdire 60 enirojn, 60 rok-abismojn, 60 aglo-nestojn. Arturo neniige venkas Skotojn kaj Piktojn kaj fine laŭ peto de iliaj episkopoj indulgas la postrestantojn. Li ankaŭ renkontas mirindan lagon tute kvadratan, kiu havas en ĉiuj kvar anguloj po specifa speco de fiŝoj.

Iom poste oni rakontas, ke Arturo edziĝas al sinjorino el grava Roma familio; ŝia nomo en la manuskriptoj varias: Guinevere, Ganhumare, Guenware, Guennvere. La fratino de Arturo intertempe havas du filojn: Gawain kaj Mordred.

Arturo submetas al si ankaŭ Irlandon, kaj poste eĉ Islandon. Kiam ankaŭ la Dana reĝo kaj tiu de l' insularo Orkneys lin rekonas kiel sian reĝon, Arturo revenas al Britanio, kie en sia granda regno li havis 12 jarojn firman pacon.

Tio sufiĉu por doni ioman impreson pri la rakont-stilo.

★



[17] La Kelta Elizio; depost Mezepoko oni identigas ĝin je Glastonbury en Somerset. (GB)



***Nikolaj Neĉaev***

## Sago de Amoro

Lirikumos mia koro
Kiam sago de Amoro
Maje mian koron trafos.
El la vundo sango lafos
Al papero per literoj
Por rakonto pri suferoj,
Ĝojo, ploro kaj esperoj.

## Bardo ligas

Li ligas en vivo tendara
Muzikon de kordo gitara
Kun tremo de sia voĉkordo
Por veno al bela akordo.

## Korpa belo

Korpan belon mi ne skulptas,
Tamen korpan belon kultas
De okuloj kaj skapoloj
Ĝis gluteoj, maleoloj
Metafore, ritme, rime,
Jen ĝojkrie, jen intime,
Jen sekrete, jen publike,
Jen rigarde, jen lirike.
Korpan belon mi ekvidas,
Korpan belon mi avidas
Por admiro kaj brakumo.
Poste kreos mia plumo
Per literoj sur papero
Pri amoro, amkonkero
Riman, ritman versjuvelon
Kiu gloros korpan belon.

## Paroli poeme

Ne petu poeton paroli poeme
Ĉar vivos poeto dum vintro dormeme
Ĝis tempo aprila, ĝojtrila, degela,
Kukua, floroza, nektara, abela...
Sed vintre el vivo foriros doloro
Se ree atakos lin ŝtorme amoro.
Lin puŝos liriken amora impeto,
Dum vintro parolos poeme poeto.

## Realo kaj poezio

Realo la poeton trompas
Sed tiun kruelecon stompas
Magia poezia belo.
Nur versoj povas per fabelo
Aldoni forton por espero.
Denove logas lin libero,
Hisiĝas ree lia velo,
Lin ree vokas lia celo.

## Juna knabo

Lirikisto, juna knabo
Per versero (trilsilabo),
Metaforo, ritmo, rimo
Povas diri pri intimo,
Pri la sentoj de la koro:
Revo, amo, ĝojo, ploro.

## En nova dekunua jaro

Enspiru ŝtormon Karavelo,
Enspiru ŝtormon per la velo,
Per pulmo blanka, fajna, faja
Por sento optimista, gaja.
La velo puŝu Karavelon.
Alportu Karavelo belon
Esperan, ĝojan, fantazian;
Esean, prozan, poezian
Al sciavida legantaro
En nova dekunua jaro.

## Poplo kaj poeto

Etendas alten poplo la branĉaron.
La arbo penas tuŝi altan klaron.
Al revoj miajn manojn mi etendas.
Ĉu ree neeblecon mi pretendas?

## Tuta gamo de sentoj

Se verkas vi lirikon,
Se sentas romantikon
Vi tiam juna estas,
Vi tiam vivon festas.
Vi havas tutan gamon
De sentoj: ĝojon, amon,
Doloron, ploron, ridon,
Esperon kaj libidon.

## Mi estas amata

Mi estas amata. Pro tio vi kredas
Ke multon da virtoj mi nepre posedas:
Mi belas, bonkoras, modestas, talentas.
Mi tion ne neas, mi tion konsentas
Ĉar belan malveron la koro preferas,
Pro bela malvero poemoj aperas.



*Iam en Portugalio... (4)*

## Legendo pri

# Deu-La-Deu Martins

**Eduardo Novembro**

*Kastelo de Monsano ("Monção"), en la nordo de Portugalio.*

— Deu-la-Deu ekparolos al la popolo!!!... Deu-la-Deu ekparolos al la popolo!!!...

Vere granda estas la anksieco, ĉiuj kurantaj de malsamaj lokoj laŭdirekte al la centra korto de la kastelo, ĉiam kriante:

— Deu-la-Deu ekparolos al la popolo!!! Deu-la-Deu ekparolos al la popolo!!!...

Mizeraspektaj, ĉifonvestitaj, kaj precipe malsategmienaj, viroj, virinoj kaj infanoj ariĝas en la parada placo. Iliaj angorigitaj okuloj fiksrigardas la inan figuron starantan sur podio meze de la amasiĝintoj. Nelonge oni atendis ĝis ŝi — tutamplekse malfermante la brakojn, kun disetenditaj manplatoj bone videblaj de malsupre — post poioma silentiĝo, aŭdigas sian voĉon:

— Amata popolo de *Monsano*[1]*!* — ŝi laŭte ekparolas. — La ĉef-kapitano de la kastelo, mia edzo, eliris por helpi nian karan reĝon en fora milito, kaj tion sciinte, tiuj de Kastilio perfide nin sieĝis por venkopreni ĉi tiun fortikaĵon. Ili mise pensis, ke defendo de kastelo far virino frue iĝus malfortika, do facila predo tuj kapitulaconta. Grava eraro ilia, ĉar de antaŭ multe da tempo ni rezistas kontraŭ tiom potenca armeo, kiel videbliĝas. Ili volas nin venki per malsato, sed ankaŭ ties trupoj preskaŭ ne manĝas. Mankas la nutraĵo ĉe ni, same kiel ĉe ili; malfeliĉe kelkaj el niaj bravuloj jam mortis, trafitaj de iliaj armiloj, sed ankaŭ ili jam perdis multajn soldatojn. Tion mi kaj vi bone observis dum la longaj tagoj de batalado, kiujn mi mem partoprenis flanke de vi ĉiuj. Ni ne estas pli feblaj ol ili, do ni ankoraŭ povos ilin venki. Ni jam preskaŭ nenion havas por nin defendi, do ni atakos ilin!

Mirega susurado trairas la amason. Voĉoj aŭdiĝas kun kriegitaj demandoj:

— Kiel Deu-la-Deu, kiel?!... — malespere ili plendas. — Kiel Deu-la-Deu, kiel?!...

— Ĉu vi fidos je mi?!... Vi bone scias, ke mi neniam perfidis vin, mi neniam perfidos vin! Ĉu vi fidos je mi?

— Ho, jes ja!... — voĉoj de sube pli kaj pli ripetadas la jeson.

Intertempe ŝi estis ordoninta, ke oni kunportu al ŝi bakitajn panbulkojn, kaj reparolas al la anksianta amaso:

— Jen bona pano, kiun ni jam ne gustumas de pluraj tagoj. Sed tion niaj malamikoj ne scias, kaj ne scios. Fidu je mi!!!...

Prenante la panbulkojn enmanen, ŝi aliras al la kastelkreneloj kaj, sin kliniĝante eksteren, krias:

— He vi, tie malsupre, bone aŭdu min!...

1 Monsano: portugale "Monção". Ĝi estas portugala urbo de la regiono Minjo ("Minho"), la plej norda portugala regiono, proksime de Galegio. (JJS)

He vi, tie malsupre!!!... Pro tiu jam longa sieĝo vi pensas venki nin per malsato, sed seniluziiĝu. Estas vi kiuj jam malsatas, ne ni! Jen freŝa pano de ni ĵus bakita! Profitu! Profitu! Kaj petu pli, se vi volos!!!... Ni helpos vin, ĉar ni ankoraŭ estas sufiĉe provizitaj de bongusta nutraĵo. Nek viaj armiloj, nek la malsato povos venki nin!

La panbulkoj falis inter la malamikoj, kiuj avidmanĝe ilin disputas inter si.

— Hurao aŭdiĝas el inter la sieĝita kaj malsata popolo de la kastelo.

— Kiacele ŝi faras tion? Doni al la malamikoj panon, kiu mankas al ni? Mi ne komprenas... Ŝi ja estas saĝa virino, sed... virino! — tiele, dumnokte pensadas kaj komentas la malsategaj loĝantoj de la kastelo.

Nur malfrue en la nokto ili sukcesas, iom post iom, endormiĝi. Kiam ili matene vekiĝas, la suno jam alte sin promenas sur la ĉielo; kaj la sieĝitoj sin preparas por unu plia tago daŭre suferi la sekvojn de tiu militado.

Tamen brukriado ekaŭdiĝas en la kastelo, sur kies stratetoj oni kuras anoncante:

— Deu-la-Deu pravas!!! Deu-la-Deu pravas!!!..

Oni alkuras de ĉiuj flankoj en granda konfuzo kaj ekscito.

— Deu-la-Deu pravas!!! Deu-la-Deu pravas!!! — ripete aŭdiĝas. — Deu-la-Deu pravas!!! Deu-la-Deu pravas!!!

Instinkte, la kurado de la amaso direktiĝas al la muregoj de la kastelo. Tie ĉiuj sin klinas malsupren por vidi la belan kamparon vastiĝanta ĝis nevidebleco tute sen signalo de iu ajn malamiko. La sieĝinta armeo jam estis malaperinta. Kvankam ne bone komprenante tion, kio estas okazanta, ĉiuj ĝoje ripetadas:

— Deu-la-Deu pravas!!! Deu-la-Deu pravas!!!

Manke de provizoj kaj kredante ke tiuj de la kastelo ilin posedis por longa tempo, la armeo — venkita de la ruzeco de la virino — retiriĝis seniluziigita... La malfortika virino, sed akravida, iĝis heroino de tiu malegala batalo. La kastelo de *Monsano* estis savita!

— Deu-la-Deu pravas!!! Deu-la-Deu pravas!!!

★








**Blazono de Monsano**



***João José Santos***

verkis la artikolon,
la mapojn kaj la tabelon

# Du rapidecoj en Eŭropa Unio




*En historia momento, kiam Eŭropa Unio verŝajne ne kapablas eviti la ekonomian falon de kelkaj el siaj membroj, gravas pripensi la kaŭzojn, pro kiuj Eŭropa Unio marŝas laŭ du rapidecoj.*

### Prologo: Iom da historio

Eŭropa Unio (EU) estas jam antikva revo de eŭropaj landoj, sed veraj paŝoj por ĝin krei, surbaze de humanaj principoj, komenciĝis nur post la Dua Monda Milito, pro la neceso protekti la negocojn pri karbo kaj ŝtalo. De tiam ĝis nun, Eŭropa Unio ŝanĝis sian nomon kelkfoje, kaj la nova nomo ĉiam montras intencon, ke la unuiĝo estiĝu, ne nur ekonomia, sed pli kaj pli politika. En 1951 estiĝis "Eŭropa Komunumo pri Karbo kaj Ŝtalo", poste ĝi ŝanĝiĝis al "Eŭropa Komunumo" (EK), poste al "Eŭropa Ekonomia Komunumo" (EEK), kaj nun ĝi estas "Eŭropa Unio". Krom la nomŝanĝo kaj la alproksimiĝo al politika unuo, la eŭropaj landoj envolvitaj en EU estiĝas pli kaj pli multaj.

En 1957 Belgio, Francio, Germanio (FR), Italio, Luksemburgo kaj Nederlando kreis Eŭropan Ekonomian Komunumon (EEK). En 1973 aniĝis Britio, Danio kaj Irlando. En 1981 aniĝis Grekio. En 1986 aniĝis Hispanio kaj Portugalio. En 1990 la du Germanioj fandiĝis. En 1995 aniĝis Aŭstrio, Finnlando kaj Svedio. En 2004 aniĝis Ĉeĥio, Estonio, Hungario, Kipro, Latvio, Litovio, Malto, Pollando, Slovakio kaj Slovenio. En 2007 aniĝis Bulgario kaj Rumanio. Aliaj landoj deziras aniĝi al Eŭropa Unio: Islando, Kroatio, Makedonio, Montenegro kaj Turkio.

Tia unuiĝo de tiom da landoj devus feliĉigi siajn popolojn: tamen bedaŭrinde tio ne okazas. Tiom malnovaj landoj, tiel spertaj pri internaciaj rilatoj kaj pri ekonomia estrado, devus kapabli trovi solvojn, por ke Eŭropa Unio vivu en ekonomia ekvilibro, tamen eĉ la granda Germanio havas grandan ŝuldon.

### Landoj en ekonomia ruiniĝo

La greka ekonomio falis. Post ĝi falis la irlanda. Portugalio ekvilibriĝas kvazaŭ ĵonglisto sur kablo. Hispanio deziras, ke la portugala ekonomio ne falu, ĉar ĝi scias, ke ĝi estos la proksima viktimo.

Kiuj estas la kaŭzoj? Ili estas etikaj, ekonomiaj kaj politikaj.

La etika kaŭzo jam estas tiom malnova, kiom malnova estas la mondo: ambicio, egoismo kaj do ĝenerale atencoj kontraŭ la etikaj valoroj.

Ekonomie, la kaŭzo nomiĝas spekulacio kaj merkatisma sovaĝeco, kiun la ekonomoj nomas liberismo. Ja ekonomia sistemo, kiu permesas ke oni vendu estontaĵojn, kiu permesas la anonimecon de milionriĉaj homoj, kiu baziĝas sur la povo de la troriĉaj homoj kaj entreprenoj, inter aliaj ribeligaj situacioj, ne povas manĝigi tiujn, kiuj efektive produktas la riĉaĵon: ĉiuj homoj kiuj fakte laboras.

Politike, temas pri reĝimoj, kiuj surgenuas ĉe la altaro de la ekonomia povo, adorante la dion Eŭro, anstataŭ agi surbaze de la justo, de la bono kaj ĝenerale surbaze de la humanaj valoroj.

La ekspluatado okazas sur du precipaj niveloj: (1-e) la milionriĉuloj ekspluatas la laboristojn, en kiuj oni inkludu la sistemon de ekspluatado de la grandegaj entreprenoj kontraŭ la eta komercisto; (2-e) la riĉaj kaj grandaj landoj ekspluatas rekte aŭ nerekte la etajn landojn.

## La novliberisma ekonomio

Estas sciate, ke pli ol duono de la planedo apartenas al 100 familioj. Tiuj 100 familioj arigas ĉirkaŭ si klason de riĉuloj, kiuj servas ilin, tiel protektante siajn proprajn poziciojn. La registaroj plenumas la strategiojn de tiuj interesoj. La popoloj, toksitaj de politike fia propagando kaj lerte manovritaj plu balotas favore tiujn, kiuj pluebligas la ekspluatadan sistemon funkciantan.

Strange tia manovrado plu okazas, eĉ post kiam la mondo iom evoluis rilate la konceptojn pri la homo, pri la rajtoj, pri la demokratio, pri la egaleco, pri la libereco, pri la frateco, ktp. La rusa, ĉina, albana kaj kuba revolucioj de la pasinta jarcento, inter aliaj, montris al la mondo, ke la homamaso estas tre progresiva kaj konstruiva forto, se oni estras ĝin organizmaniere. La fondintoj de komunismo kapablis kompreni ties historian momenton, kreis la filozofian bazon de nova epoko, analizis la socion kreitan de la industria revolucio, identigis la motoron necesan por la ŝanĝo, kaj stiris tiun motoron fondante alitipajn sociojn, en kiuj... novaj maljustaĵoj efektiviĝis.

Post la komunisma sperto, la mondo ne plu estis la sama. La popoloj lernis pri sia forto, sed samtempe la povuloj lernis estri la mondon alimaniere. Germanio komprenis, ke ne per la milito oni kapablas konkeri Eŭropon, sed pli trankvile per la forto de la ekonomio. La Dua Monda Milito disvolvis informikon (t.e. scienco pri la homamasaj informteknikoj). En tio Britio brilis, kaj Usono rapide lernis kaj fakiĝis. La potencaj landoj kaj la riĉaj povuloj lernis, ke post la etikaj valoroj de la Franca Revolucio, sur kiuj stariĝis Usono, kaj post la komunisma sperto, la popolojn oni ne povas regi per armiloj. Oni regas ilin per kompleksaj informadaj strategioj, en kiuj la inter-interesoj utiligas la demokratiajn instituciojn por trompi la popolojn kaj starigi veran maldemokration en socioj, kiuj tamen aspektas demokratiaj. Konklude, oni tute perversadas la politikan sistemon, por ke la popoloj silentu, laboru kaj plenumu la interesojn de la milionriĉuloj.

Unue, oni kredigis la popolojn, ke ĉiu laboristo estas burĝeto, aliŝanĝante ties pensmanieron, svingante karoton al la azeno, por ke ĝi plu paŝu, nekonscie ke tiu karoto estos la ununura karoto nutronta ĝin en ĝia tuta vivo. La kapitalisma sperto en Usono disvolvis alian manieron ekspluati la popolojn. La popoloj ne plu estas nur sklavoj, mizeraj laborfortoj por servi la povulojn. Ili nun estas ankaŭ la konsumantoj, kiuj riĉigas la povulojn. Por tio, estas necese kredigi la popolojn, ke ankaŭ ili rajtas kaj povas atingi




la riĉecon, la famon, la feliĉon surbaze de materia vivo: la usona revo. Kelkaj atingas tion, eĉ kelkaj milionoj, kaj la sukceso de kelkaj popolanoj estas tre grava, por ekzempligi al ĉiuj, ke ĉiu povas atingi la samon, la paradizon sur la Tero. Mensogoj kaj mensogoj. Tiuj ne multaj popolanoj atingintaj materian sukceson estiĝas ili mem pecoj de la plenpova reganta maŝino.

Do, nuntempe la milionriĉaj povuloj venkas en ĉi tiu malegala lukto, ĉar ili lernis uzi la spiritajn valorojn de la demokratio kaj la informikan socion, por ke la popoloj agu serveme al ili, sen klaskonscio, sen konscio pri la ekspluateco, tiel kiel la azeno kiu plu sekvas la karoton nur mordetante ĝin fojfoje. En la fino de la vivo, ĝi manĝis nur unu karoton, sed ĝi laboris multege por tiu karoto.

## Kio estas finfine Eŭropa Unio?

Enkadre de ĉi tiu plej sovaĝa kapitalismo situas Eŭropa Unio.

Eŭropa Unio estas ŝakludo inter la eŭropaj potencoj por ĝin akapari. En ĝi bolas ekonomia milito. Iu ajn el la eŭropaj landoj sin aliancos kun iu ajn alia, interna aŭ ekstera al EU, por gajni ekonomian teritorion, ne nur por sin defendi, sed ankaŭ por ekhavi avantaĝojn. La plej grandaj faras tion pli senĝene kaj lerte ol la aliaj. Eŭropa Unio estas scenejo de luktoj inter granduloj por ekhavi el ĝi kiel eble plej grandajn pecojn. Por tio, la grandaj landoj uzas la etajn, kaj la milionriĉuloj uzas la milionan homamason.

Ne nur tio estas Eŭropa Unio, tamen precipe tia ĝi estas. Ĝi ne funkcias nur surbaze de kunlaboreco, sed precipe surbaze de konkurado. Kvankam la paroladoj ŝajnigas kunlaboremon kaj helpemon, la landagadoj montras la konkuradajn interpuŝiĝojn interne de Eŭropa Unio. La eŭropaj landoj havas komunan pasinton. Ili evoluis unu kun la aliaj kreinte grandan kulturan riĉecon. Eŭropo povus esti multe pli ol scenejo kie ŝakaloj voras siajn proprajn idojn. Tamen, la ekonomiaj interesoj eĉ kapablas obskurigi ĝuste la kulturajn elementojn, kiuj povus pli unuigi Eŭropon.













## Unu Eŭropa Unio en kvar mapoj

Oni rigardu la tabelon de la sekva paĝo, komparante ĝin kun ĉi tiuj kvar mapoj. La kvar koloroj de la kvar mapoj rilatas al la kvar koloroj de la vortoj kaj numeroj de la tabelo.

Tie oni montras la popolnombron de la eŭropuniaj landoj. Al la grupo A apartenas la landoj kun pli ol 30 milionoj da homoj, al la grupo B apartenas la ceteraj landoj. La malsameco de fonaj koloroj facile dividas la landojn A de la landoj B.

Analizante la tabelon, facile oni rimarkas, ke Portugalio, kiu ĉiam estas vidata, kaj de la portugaloj mem kaj de la aliaj popoloj, kiel eta lando, estas la 10-a plej enloĝata lando el la 27 membroj de Eŭropa Unio. Tamen, ega lando ne estas tiu apartenanta al la unua supra duono de la tabelo, sed tiu kies popolnombro preterpasas 30 milionojn da homoj. Do, en Eŭropa Unio ekzistas 6 grandaj landoj kaj 21 etaj landoj.

Oni komparu nun la du landogrupojn: A kun B. Facile oni komprenas, ke la interesoj de 70% de la eŭropanoj (tuta loĝantaro de la 6 landoj A) sin trudas al la interesoj de la aliaj 30% (tuta loĝantaro de la 21 landoj B). Krom la forto de la nombro, la grupo A ankoraŭ havas la avantaĝon esti nur 6-elementa, dum la grupo B estas 21-elementa, do pli facile la plej riĉaj landoj sin organizas por defendi siajn interesojn ol la malgrandaj. Iu ebla interkonsento inter Germanio kaj Francio, kies avantaĝoj kompreneble estas por tiuj du landoj, atingas 147 milionojn da homoj, do preskaŭ trionon de la eŭropunia popolo. Simila interkonsento inter Portugalio kaj Grekio atingas 22 milionojn da homoj. Videble la ekonomioj de la etaj landoj ĉiam dependas de la interesoj de la ekonomioj de la tri pli grandaj landoj.

En la grupo A videble ekzistas du subgrupoj: A1 - Germanio, Francio kaj Britio; A2 - Hispanio, Italio kaj Pollando.

A1 estas la grupo de la riĉaj kaj plenpovaj eŭropaj landoj. A2 estas grupo de landoj, kiuj havus kondiĉojn por alproksimiĝi al A1, sed ankoraŭ ne kapablis, pro diversaj kaŭzoj, al kiuj oni aludos pli sube.

La grupo B estas multe pli nombra kaj do pli heterogena. La financa kaj ekonomia malbonstato de kelkaj el tiuj landoj originas en miksaĵo de kelkaj kaŭzoj, kiuj estos menciataj pli sube.

| Grupo | N-ro | Landnomo | Popolnombro |
|---|---|---|---|
| A1 | 1 | Germanio | 81.757.600 |
| | 2 | Francio | 65.447.374 |
| | 3 | Britio | 60.975.000 |
| A2 | 4 | Italio | 60.303.800 |
| | 5 | Hispanio | 46.063.511 |
| | 6 | Pollando | 38.518.241 |
| B1 B2 | 7 | Rumanio | 22.246.862 |
| | 8 | Nederlando | 16.570.613 |
| | 9 | Grekio | 11.260.402 |
| | 10 | Portugalio | 10.637.713 |
| | 11 | Belgio | 10.403.951 |
| | 12 | Ĉeĥio | 10.381.130 |
| | 13 | Hungario | 10.064.000 |
| | 14 | Svedio | 9.182.927 |
| | 15 | Aŭstrio | 8.356.707 |
| | 16 | Bulgario | 7.928.901 |
| | 17 | Danio | 5.475.791 |
| | 18 | Slovakio | 5.447.502 |
| | 19 | Finnlando | 5.348.357 |
| | 20 | Irlando | 4.339.000 |
| | 21 | Litovio | 3.369.300 |
| | 22 | Latvio | 2.220.700 |
| | 23 | Slovenio | 2.023.358 |
| | 24 | Estonio | 1.342.409 |
| | 25 | Kipro | 788.457 |
| | 26 | Luksemburgo | 493.500 |
| | 27 | Malto | 412.966 |
| | | sumo: | 501.360.072 |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| A | 1-6 | 6 landoj | 353.065.526 | 70,4% |
| B | 7-27 | 21 landoj | 148.294.546 | 29,6% |
| | | sumo: | 501.360.072 | 100% |

En la grupo B1 estas la landoj kun pli evoluinta ekonomio el la grupo B: Aŭstrio, Belgio, Danio, Finnlando, Luksemburgo, Nederlando kaj Svedio.

En la grupo B2 estas la landoj kun pli da ekonomiaj malfacilaĵoj en Eŭropa Unio: Bulgario, Ĉeĥio, Estonio, Grekio, Hungario, Irlando, Kipro, Latvio, Litovio, Malto, Portugalio, Rumanio, Slovakio kaj Slovenio.

Oni komprenu, ke la germana popolo pli nombras ol la 6 plej grandaj popoloj de la grupo B kune. Tio estas, la germana popolo samnombras kiom Rumanio, Nederlando, Grekio, Portugalio, Belgio kaj Ĉeĥio. Analizante alimaniere, ĝi estas pli nombra ol la ceteraj landoj de la grupoj B kune, do entute 15 landoj.

La leganto povas plu ludi per tiaj komparoj. La rezulto estas ĉiam la sama: Britio, Francio kaj Germanio havas grandajn popolnombrojn kaj do solidajn ekonomiojn, kiuj kapablas danci laŭ la merkataj ritmoj.

Efektive, la merkatisma liberismo, tiel kiel la sovaĝaj leĝoj, nur estas avantaĝaj por la plej fortaj. Ĉi-rilate, la plej fortaj estas la landoj de A1, la plej riĉaj entreprenoj kaj la plej riĉaj homoj.

La plej etaj popoloj konstante stumblas kaj falas en la dancosalono de Eŭropo. Ĉiu eta lando ne havas la povon konkuri kun ĉiu el la tri grandaj en cirkonstanca egaleco. Tamen, la etaj landoj kune konsistigas tre grandan merkaton, kiujn la tri grandaj landoj uzas kaj trouzas laŭ ilia bontrovo por sia riĉiĝo.

Eŭro estas pli forta ol la germana marko, ĉar Germanio uzis markon en merkato de 80 milionoj da homoj, sed eŭro estas uzata en merkato de pli ol 500 milionoj da homoj. Efektive Germanio donis multon al Eŭropa Unio, sed ĝia ekonomio ne estus tiom forta sola, kiom ĝi estas en Eŭropa Unio.

Per helpo de la kvar apudaj mapoj la leganto facile konstatos, ke rilate ekonomion la malplej favorataj landoj estas tiuj, kiuj pli distas de la grandaj merkatoj de Germanio, Francio kaj Britio. Vidu kiel la bonfartaj Nederlando, Belgio kaj Luksemburgo kuŝas inter Germanio kaj Francio; vidu kiel Danio, Svedio kaj Finnlando norde apudas; vidu kiel Aŭstrio landlimas kun la sudo de la fortega Germanio. Nun rigardu la geografian pozicion de Portugalio, Grekio kaj Irlando, inter aliaj. Ili estas foraj de la centro de Eŭropo. La landoj de B1 estas geografie, etne, kulture kaj ekonomie satelitaj de Germanio.

### Kial EU marŝas laŭ du rapidecoj?

La ekonomia malsimilo inter la landoj de EU ne dependas de falsaj argumentoj, kiaj estas la supera inteligento de kelkaj popoloj super aliaj, la dia merito, la malsupereco de la mediteraneaj landoj, la supereco de la ĝermanaj landoj aŭ de simile alia rasisma argumento, eĉ se kaŝita sub vualo de lerta vortumado.

Kelkaj eŭropuniaj landoj havas malfacilaĵon akompani la ekonomian progresan ritmon truditan de Germanio kaj Francio pro la jenaj precipaj motivoj:

1. Du rapidecoj en Eŭropa Unio

Videble, la tri eglandoj devigas la aliajn dudek kvar paŝi laŭ siaj ritmoj.

Kaj kiucele kuras Britio, Francio kaj Germanio? Unue, ili kuras pro ambicio, pro tio ke, se ili povos havigi al si pli da mono, ili ne havos malpli. Due, ili devas konkuri kun la



**Flago de Eŭropa Unio. La 12 steloj reprezentas ĉiujn eŭropajn ŝtatojn, eĉ se ili jam estas 27.**
(el Vikipedio)2

ekstereŭropaj landoj, precipe kun Usono kaj kun Ĉinio, kaj ankaŭ inter si.

En ĉi tiu kurado, ili trenas dudek kvar landojn, kiuj freneze vidas sin, pli aŭ malpli frue, en komplikaj situacioj, ĉar ili ne kapablas laŭsekvi tiun ritmon. Kompreneble, lando kun potenciva merkato de 10 milionoj da homoj, kiel Portugalio, ne povas akompani la kreskantan ritmon de merkato kun pli ol 80 milionoj da homoj, kiel Germanio. Krome, Germanio startis jam en pli ekvilibra pozicio ol Portugalio. Similajn komparojn oni povas fari inter la aliaj EU-landoj. Do la trudata ritmo estas tiu de la eglandoj, kio kaŭzas kompletan ĥaoson en la ekonomia evoluo de la etlandoj.

Eŭropa Unio mem devus sin memprotekti de la eksteraj merkatoj. Tio okazos pli aŭ malpli frue, ĉar neniu lando en la mondo, eĉ Usono, kapablos akompani la ekonomian kreskadon de Ĉinio, ĉar la ĉinoj havas multege pli grandan merkaton kaj... malrespektas gravajn rajtojn de la laboristoj; kiuj kostus al Ĉinio multege pli da mono, se la ĉinaj entreprenoj pagus al ili kiel la germanaj aŭ la usonaj entreprenoj.

Do, la kerna problemo de la etlandoj estas la malgrandeco de sia interna merkato.

### 2. Periferia pozicio

La etaj landoj geografie proksimaj al Germanio, kiel Finnlando, Svedio, Danio, Nederlando, Belgio, Luksemburgo kaj Aŭstrio pli facile kontaktas kaj vendas en Germanio ol la distaj landoj, kiel ekzemple la periferia Grekio.

Oni povas argumenti, ke Ĉeĥio landlimas kun Germanio, en situacio simila al tiu de Aŭstrio. Tamen, oni komprenu, ke la ĉeĥoj pasigis dekojn da jaroj, en la 20-a jarcento, sub komunisma diktaturo. Krome, oni komprenu, ke la proksimeco de la aluditaj sep landoj al Germanio estas ne nur geografia, sed ankaŭ etna, kultura kaj lingva (rigardu la mapojn).

La aparteneco al la ĝermana lingvogrupo helpas la progreson de la etaj landoj, kiuj, koincide, ankaŭ estas tiuj geografie pli proksimaj de Germanio. Eĉ por eta entreprenisto aŭstra estas pli facile negoci kun granda entrepreno en Germanio, pro la apudeco lingva kaj geografia, ol por portugalo, kies lingvo kaj lando tre distas de Germanio.

### 3. Malmultnombra loĝantaro

La entreprenoj de la etaj landoj ne kapablas konkuri kun la grandaj entreprenoj de la grandaj landoj eĉ en sia propra lando. La disto al la centro de Eŭropo malfaciligas la vivon de la eta entrepreno de la periferia lando, sed ĝi ne estas obstaklo al la grandaj germanaj kaj francaj entreprenoj, kiuj ofertas la varojn en la portugala kaj greka merkatoj je valoro, kiu facile ruinigas la etajn entreprenojn de tiuj du etlandoj.

Fakte, ne estas mirinde, ke multaj homoj en Portugalio, Grekio kaj Irlando sentas, ke oni embuskis ilin, kiam tiuj landoj eniris Eŭropan Union. Neniu el la etaj landoj havas sufiĉan merkaton por pluvivi, kaj la grandaj alilandaj entreprenoj elsuĉas iliajn merkatojn.

### 4. Multaj jaroj sub diktaturo

Plejparto el la etaj landoj de la grupo B2 estis sufokitaj de diktaturoj, faŝismaj aŭ komunismaj, kiuj ne lasis ilin spiri nek disvolviĝi. Oni sentas postrestaĵojn de la malliberemo, dum dekoj da jaroj post tiuj okazoj, en la politikaj sistemoj de tiuj landoj, kaj en la politika eduko de ties popoloj. Tiaj ne videblaj elementoj estas gravegaj, ĉar el ili venas, aŭ ne venas, la civitana partopreno en la interesoj de la ŝtato, kaj eĉ en ĉiutagaj decidoj.

### 5. Regado de la kaŝitaj kaj vualitaj fortoj

Kvankam respektante ĉiujn katolikojn de la tuta mondo, oni ne povas ne aserti, ke la Katolika Eklezio en Portugalio, kaj en aliaj landoj, estis fidela aliancano de la faŝisma reĝimo, kaj partoprenis en la politiko, kiu plulasis la popolon en malscio, obskuro kaj fanatikismo dum 48 jaroj.

En Portugalio, kelkaj kaŝitaj fortoj plu regas la landon. La sistemo estas nun demokratia, sed kelkaj regantaj fortoj en Portugalio plu estas la samaj. Ĉu do tiuj fortoj ne responsas pri la stato de la lando?

### Kiel la etaj landoj povus sin defendi?

1. Komprenado ke la rilatoj ene de EU estas konkuraj, ne nur interkonsentaj

Unue gravas kompreni, ke neniu lando devas atendi, ke alia ĝin helpu, se la helpiva lando ne havas propran intereson en tiu helpado. Malantaŭ la kravatoj, la afablaj ridetoj kaj la dorsotuŝetoj, la interlandaj rilatoj, ene de Eŭropo kaj ekstere, sin gvidas de sovaĝaj leĝoj. La plej grandaj manĝas la plej etajn, aŭ almenaŭ voradas ilin iom post iom dum la viktimoj kapablas pluvivi. Eble la plej korsentemaj legantoj naive pensas, ke la artikolisto troigas, kaj ke la afero ne povas esti vidata laŭ tiom kruda maniero. Tamen, videble, ĉi tio estas la vero, jen vi kredu ĝin, jen ne. Eŭropa Unio stariĝis surbaze de interkonsento kaj helpemo, tamen la Homo ankoraŭ ne scias agi interkonsente. Anstataŭ interkonsentoj, la popoloj, la entreprenoj kaj la homoj preferas konkuri, batali, lukti. Tiaj estas ankoraŭ la homoj, kiuj loĝas sur nia planedo.

2. Necesas reanalizi la socion

Mankas reanalizi la socion. Mankas apliki etikajn principojn al la novaj socioj, ne aplikante malnovajn modelojn, ĉar ili estis faritaj por alia socio, kiu ne plu ekzistas. Ne farante tion, la komunistoj kaj aliaj livistoj plu ripetas malnovajn sloganojn tute neadekvatajn al la novaj popoloj, kaj eĉ ĝenajn por tiuj kiuj ŝatus fari ion por transformi la socion.

3. Ekonomia memprotekto

La etaj landoj devas havi la nenaivecon sin defendi en ĉiuj niveloj. Eŭropunia lando ne rajtas starigi memprotektan ekonomion rilate la aliajn EU-membrojn, ĉar la ekonomia malfermiteco estas unu el la kolonoj de ĉi tiu sovaĝa ekonomia sistemo, kiu havas leĝojn ĝuste por protekti la ekonomiojn de la plej grandaj.

Tamen, ĉiu etlanda ŝtato povas tuŝi la koron de siaj civitanoj per patriamaj sentoj, kiuj donas koherecon al la popolo. Regionaj defendoj ĝenerale dissplitas la etan landon en disputoj kaj intrigoj, kiuj saĝe estas uzataj kaj profitataj de la eksteraj ŝakaloj, kiuj atendas la ĝustajn momentojn por vori la ŝafojn. La etlandoj devas disvolvigi kohere siajn regionojn, sed tio devas esti farata de tutlanda porregiona politiko, ne de regionaj politikoj kiuj malfortikigas la internajn laĉojn. Gravas, ke la etaj landoj konsumu precipe tion, kion ili produktas. La ŝtatoj ne povas devigi la civitanojn fari tion, sed povas ekzisti enlanda eduko kiu gvidu la landanojn al memprotekto. La etlandaj ŝtatoj devas disvolvigi siajn ekonomiojn sencume al evito



**José Manuel Durão Barroso**
**PREZIDANTO DE LA EŬROPA KOMISIONO**
**(el Vikipedio)**

de enportado. Ĉu oni komprenas, ke Portugalio ĝis nun ne disvolvigis sian industrion por entute produkti proprajn aŭtomobilojn? Anstataŭ tio, Portugalio enhavas aŭtomobilajn fabrikojn, kiuj apartenas al grandaj multnaciaj entreprenoj, kie oni muntas aŭtomobilojn por la portugaloj kaj por aliaj landanoj. La rezulto: eterna dependeco de la eglandoj; ĉi-rilate de Germanio kaj Francio.

Kial Britio ne akceptis eniri en la eŭro-merkaton? Ĝuste por memprotekti sian ekonomion. Kial Francio kaj Germanio eniris eŭromerkaton? Ĉar tiuj du landoj havas avantaĝon malfermi siajn proprajn ekonomiojn al la ceteraj eŭropaj landoj. Do, la etlandoj malfermu la okulojn. Francio kaj Germanio pagis al la etlandoj por NE produkti kultivaĵojn por protekti siajn proprajn merkatojn. La rezulto: eĉ por manĝi, Portugalio dependas de la eksterlandoj.

La etlandoj ne rajtas memdecidi, ĉu plu esti ĉu foriri el Eŭropa Unio. Ja tia decido ekzistas laŭleĝe, sed la ekonomiaj konsekvencoj estus tiel katastrofaj por la lando kiu decidus tion, ke la etlandoj estas katenitaj en Eŭropa Unio. Tamen, la etlandoj povas ludi alimaniere, komprenante la veran situacion, protektante sin mem kaj turniĝante ankaŭ eksteren de EU.

Ekstere, la etaj eŭropaj landoj devas alianci kun ne eŭropaj landoj, surbaze de komunaj interesoj. Portugalio havas grandajn eblecojn fari tion en diversaj trakoj. Ĝi estas natura partnero de la aliaj portugallingvaj landoj, ĝi ĉiam estis partnero de Usono, ĝi estas natura partnero de Hispanio, kaj finfine ĝi estas lando kiu kapablas dialogi kun ĉiuj kulturoj pro la natura emo de la portugaloj. Kompreneble, la aliaj eŭropuniaj etlandoj

havas aliajn atutojn, kiujn ili devas esplori, por ne estiĝi ostaĝo de la tri grandaj eŭropaj landoj.

### 4. Etlando ne estas landeto

Ĉiu eta eŭropa lando devas politike konscii, ke ĝia eteco ne estas reala. La ekonomia falo de Grekio ekminacis la tutan sistemon. La bankroto de Irlando timigis ĉiujn. Nun, la grandaj landoj deziregas, ke Portugalio petu helpon al Internacia Ekonomia Fonduso (IEF) por bremsi la portugalian ŝuldadon. Tamen, ili fajfas pri tio, ĉu la lando sin eneksplodos. Laŭ IEF nur gravas enmeti ŝtopilon en la vulkanan buŝon, por ke aliaj ne estu atingotaj de la lafo. Ĉu la vulkano sin konsumos interne, sin nuligante, tion la aliaj landoj prifajfas.

Do la etlando povas kaŭzi grandajn damaĝojn. Tio estas forto, kiun la etaj ne kapablas uzi por sia avantaĝo. La etlandoj kuras malantaŭ la grandaj akceptante la regulojn de la konkuro. La etlandoj devas lerni starigi siajn proprajn kondiĉojn. Kial la ĉefministroj de Portugalio, Grekio, Irlando kaj Hispanio ne kunsidas? Eble el tiu kunsido venus propono por bremsi la merkatojn favore ne nur al tiuj kvar landoj, sed al 24 landoj. Eble el tiu kunsido venus proponoj por proksimigi la du rapidecojn de Eŭropo.

Ja se du aŭ tri falas, la tuta Eŭropo ektimas la ruiniĝon. Se la etlandoj havus komunajn proponojn por sin defendi, la rezulto estus unu el ĉi tiuj du: Germanio kaj Francio negocus la proponojn por vere helpi la etlandojn sin ekvilibri, aŭ tiuj du grandaj landoj elirus el la eŭromerkato por defendi sin, kaj havus rilate al Eŭropa Unio pozicion similan al tiu de Britio. Mi kredas, ke Germanio kaj Francio preferus la unuan solvon, kiu estas la plej dezirinda por ĉiuj.

Se filozofio, etiko kaj politiko estrus Eŭropon, anstataŭ ekonomio kaj politika intrigo, la grandaj landoj komprenus kiom ili bezonas la etlandojn. En la Universo ĉio estas interligata. Manko de sablero sufiĉas por ruligi grandan rokon. Minus du gradoj povas malglaciigi la polusojn. Oni ne preteratentu la etulon, kiu nun bezonas helpon, ĉar iam la falo de la etulo trenas kun si la falon de multaj aliaj. De tio ĝis la ruiniĝo de la tuta sistemo estas paŝeto.

### 5. Oni responsigu la kulpulojn

En Eŭropo ĝenerale ĉiuj responsas pri siaj funkcioj, escepte de la politikistoj kaj la ekonomoj.

Se instruisto agas maletike, oni punas lin. Se elektristo misas en sia laboro, li eble perdos sian dungon. Tamen, se ekonomo misgvidas iun gravan institucion, kio okazas



**Eŭropa Parlamento. Komparu kun la realeco de la posta foto. Ne nur en Afriko ekzistas tiaj diferencoj.**

**(el Vikipedio)**

al li? Oni donas al li eĉ pli bonan dungon. Ĉi tio ne estas troigo. Ĉi tio okazas oftege en Eŭropo. Kiuj politikistoj kaj ekonomoj responsis pri la malekvilibro de la ekonomioj greka, irlanda, portugala kaj hispana? La bone informitaj civitanoj de ĉiu lando scias, sed la justico fajfas pri la krimoj de tiuj homoj. Neniam oni esploras, kiel ili riĉiĝis. Oni ne pagigas ilin pro tio, ke ili grave damaĝis sian landon. Tute ne. Ili mem plu estras la socion kaj aplikas maljustajn aŭsterajn rimedojn kontraŭ la popolo, kiu riĉigis ilin kaj plu pagas iliajn krimajn aventurojn.

Eŭropa Unio sen justo kaj justico estas kompleta mensogo. Nepre oni devas enkarcerigi la homojn, kiuj damaĝas la sociojn.

### 6. Unu Eŭropo, unu sistemo

Estas kompreneble, ke la germanaj laboristoj ribelas pro la fakto, ke ili emeritiĝas multe pli malfrue ol la grekoj, kies krizon la germanoj devas pagi. Tamen, certe la grekoj ŝatus havi la laborajn kondiĉojn de la germanoj. Do, se Germanio postulas, ke eŭropanoj emeritiĝu 67-jaraĝe, ĝi postulu ankaŭ ke la minimuma salajro en Portugalio estu same alta kiel en Luksemburgo. Efektive, la minimuma salajro en Portugalio estas 475,00€, sed en Luksemburgo ĝi estas 1643,00€. Do, portugala laboristo en Portugalio, faranta la saman laboron de alia portugalo laboranta en Luksemburgo, en la sama Eŭropa Unio, ricevas trionon de la kolego. Oni komprenas kial 16% de la luksemburga popolo estas portugaloj; do preskaŭ kvinono de la tuta luksemburga popolo. Tamen, la plej bizara situacio estas la komparo inter la luksemburga minimuma salajro kaj la bulgara, kiu estas 123,00€, do dekono de la luksemburga. Sinjorino Merkel, bv. ne samniveligu NUR la emeritan aĝon! Eŭropanoj, malfermu la okulojn!



**Sendoma homo en Francio. Verŝajne li parolas la prestiĝan francan lingvon kiel Sarkozio, sed iliaj vivstiloj absolute kontrastas.**

**(el Vikipedio)**

Kvankam la minimuma salajro en Portugalio estas tiel malalta, la administrantoj en Portugalio ricevas pli bonajn salajrojn kaj krompagojn ol liaj kolegoj de aliaj landoj. Do, por grupo da privilegiitoj ekzistas ununura Eŭropo, por la laboristoj ekzistas minimume du Eŭropoj.

Kaj la ekspluatado daŭras kaj daŭras. Grekio plu devas pagi pli kaj pli por sin financi, tiel kiel Portugalio, Irlando kaj Hispanio. Sinjorino Merkel, niveligu ankaŭ la pagendajn interezojn, ĉar la tri eŭropaj baronŝtatoj, grupo A1, pagas la monon laŭ interezoj multege pli malaltaj. Ja, espereble la leganto jam komprenas, ke ekzistas baronoj kaj kelneroj, baronaj entreprenoj kaj kelneraj entreprenoj, tiel kiel baronaj landoj kaj kelneraj landoj.

Eŭropa Unio devas enhavi la samajn leĝojn aplikendajn al ĉiuj siaj popoloj. Kompreneble, tio devas esti farata iom post iom ĝis atingo de kompleta unuformeco. Oni komprenas, ke leĝoj rilatantaj individuajn aspektojn de ĉiu lando devas esti malsamaj, sed la aĝo emeritiĝi devas esti la sama en la tuta EU, tiel kiel devas esti la sama la minimuma salajro. Ankaŭ la administraciaj sistemoj devas konverĝi por ununura eŭropa sistemo. Atentu, ke ĉi tie oni ne asertas, ke devas ekzisti ununura eŭropa administracio, sed landaj administracioj funkciantaj laŭ la samaj principoj, kiuj devas faciligi la vivon de la civitano.

## Konkludo

Ekzistas malriĉuloj, jen landaj, jen entreprenaj, jen homaj, ĉar kelkaj riĉiĝis per l' aliula laboro.

Per la esprimo “riĉiĝo” oni ne aludas al la financa bonfarto, kiun oni kapablis kolekti dum vivo de laboro. Per “riĉiĝo” oni aludas al la grandegaj monkoncentriĝoj, al grandaj imperioj, kiuj, tre ofte, ne havas vizaĝojn. Se ili okazas, kaj samtempe okazas mizero ĉe aliaj homoj, tio montras, ke la ekonomiaj rilatoj estas aranĝitaj por ke kelkaj povu profiti el la ŝvito de multaj.

Eŭropa Unio nur havas estonton ene de interhelpa politiko de ĉiuj siaj membroj. La politika filozofio kiu fundamentis Eŭropan Union estis livisma, kaj multaj el tiuj fondintoj estis livistoj. La tiamaj partioj plu ekzistas kun la samaj nomoj, tamen tiuj partioj ne plu estas livaj. Ili ŝanĝiĝis estiĝantaj liberismaj partioj. EU turniĝu liven kaj haltigu la novliberisman galopon, se ĝi volas plu ekzisti.

La nunaj ekspluatantoj ne scias, ke preterpasante kelkajn limojn de maldungeco, de malriĉeco kaj de maljusteco, la popoloj estiĝas ribelemaj, kaj ekeksplodos sangaj revolucioj dise tra Eŭropo. La heleno Aristotelo, ĉ. 350 a.K. jam sciis tion, sed la nunaj milionriĉuloj aldonas al sia ambicio malscion, ignoremon kaj stultecon.

★



***Roger Gotardi***
tradukis el la portugala

# La malsano de Fabricio

***de Arturo Azevedo***

Fabricio estis kopiisto ĉe publika oficejo, kaj tre ŝatis Zizinjon, la solan filinon de Majoro Sepulvedo.

Lia deziro estis edziĝi al ŝi, sed por tio necesis antaŭe promociiĝi, ĉar la kopiista salajro ne sufiĉis por vivteni familion. Sekve, Fabricio limiĝis al la rango de amindumanto, anksie atendante la momenton, kiam li povos okupi tiun de fianĉo.

Iun tagon, la fraŭlo ricevis leteron de Zizinjo, en kiu ŝi sciigas lin, ke la patro, Majoro Sepulvedo, decidis pasigi unu monaton en Kaŝambuo[1], kun sia familio. Kaj ŝi petas lin, ke ankaŭ li iru, ĉar ŝi ne havus fortojn por vivi tiel for de li.

Ridetis al li la ideo longtempe resti en Kaŝambuo, gastanta ĉe la sama hotelo kiel Zizinjo. Pro tio, ke li estis junulo ŝparema, li havis apartigitaj la monrimedojn bezonatajn por la vojaĝ-elspezoj; mankis al li nur forpermeso, sed certe ĝin ne neus al li la ministro.

Trompadis sin la kompatinda amind-umanto. La ministro, al kiu li persone sin turnis, demandis lin rifuzmiene:

— Por kio volas vi, sinjoro, du monatojn da libertempo?[2]

— Por kuraci min.

— Sed vi ne estas malsana, sinjoro!

— Mi ja estas, sinjoro; ne ŝajnas, sed mi estas malsana.

— Tiuokaze, subiĝu al saninspekto kaj portu al mi la verdikton. Mi donos al vi la forpermeson nur sub tiu kondiĉo.

Tri tagojn poste Fabricio, metita en mantelon, kun silka tuko nod-ligita ĉirkaŭ la kolo, la barbo razota, vato en la oreloj, iris al la Ĝenerala Direktorejo pri Sano.

Lia aspekto estis tiel malsanula, ke la doktoro, komisiita ekzameni lin, apenaŭ lin vidinte diris:

— Jen staras iu, kiu ne trompas: oni vidas, ke li estas vere malsana!



Kaj turnante sin al Fabricio:

— Kion vi sentas, sinjoro?

Fabricio respondis per malrapida, ploranta voĉo:

— Mi sentas multajn aferojn, doktoro; dolorojn tra la korpo, lacecon, pikojn en la stomako, prematecon ĉe la brusto...

— Ni vidu tion! Demetu vian jakon.

Fabricio surhavis nur ĉemizon kaj la kuracisto brustaŭskultis lin:

— Ĉu vi ne suferas tusadon?

— Jes, ja, sed nur nokte; ĝi ne lasas min dormi.

— Bone. Vi povas surmeti la jakon.

Kaj la doktoro iris skribi la verdikton, kiun li donis al la kopiisto.

Tiu ĉi malfaldis la paperon surstrate, por kontroli kiuspecan malsanon elzorgis al li la kuracisto, kaj legis: "Simptoma kardjalgio de artritisma diatezo".

Ne imagu la efikon, kiun sur lin produktis tiuj por li enigmaj vortoj.

— Kaj jen estas vero, ke mi estas ja malsana! – pensis la kompatinda junulo.

Alvenante hejmen, en liaj tempioj io martelis. Poste venis frostotremoj, kiujn sekvis fortega febro, kaj ĝi estis tiela febro, ke ĝi daŭris dudek tagojn.

La malsanulo elhospitaliĝis ĝuste kiam Zizinjo revenis el Kaŝambuo kaj trovis la fianĉon en tia stato.

Damna simptoma kardjalgio de artritisma diatezo.



1 Urbo en la subŝtato Minas-Ĝerajso. Portugallingve: *Caxambu*. Laŭ Vikipedio, la nomo devenas de la loka, tupidialekta vorto *Catã-mbu*, kiu signifas "Bobelanta Akvo", aŭ "Bolantaj Vezikoj", kaj rilatas al la minerala akvo troviĝanta en la regiono. La urbo estas fama, ĉar ĝin vizitis anoj de la Portugala Reĝa Familio. Oni rakontas, ke la antaŭe senfrukta Princino Izabelo resaniĝis de anemio per la ferohavaj akvoj de Kaŝambuo, kaj tiam gravediĝis. Legu pli ĉe **http://eo.wikipedia.org/wiki/Caxambu** (RG)

2 Ŝia feriado estas unumonata, sed li petas du monatojn, ĉar la ulo estas mallaborema firuzulo. Tiel mi interpretas ĉi tiun teksteron. (JJS)



*Djalma Pessata*

# UNIVERSALAJ KONGRESOJ DE ESPERANTO

## 1927 19-a Universala Kongreso de Esperanto




**Loko:** Danzigo, Germanio

**Dato:** 28-a de julio ĝis 4-a de aŭgusto

**Aliĝintoj:** 905

En tiu kongreso oni festis la 40-an jubileon de Esperanto.

Nuntempe, Danzigo estas Gdansko, kaj apartenas al Pollando.

La 19-an kongreson prezidis Bernhard Aeltermann. Dum la malfermo de la kongreso, la ĉefurbestro de Estokolmo, Carl Lindhagen (1860-1946) parolis esperante.

### Ĉu vi scias?

Dum la kongreso estis akceptita la propono festi la 15-an de decembro (naskiĝtago de L. L. Zamenhof) kiel "Tago de Esperanto-Libro".

Laŭ teksto de S-ino Jagoda G., post la fino de la 19-a UK, kongresanoj veturis al Sopoto por planti memorkverkon de paco kaj amikeco. Esperantistoj de diversaj landoj kunportis saketojn kun tero de diversaj partoj de la mondo. La unuan fojon en la historio de Esperantujo, okazis ceremonia plantado de arbo. Starigita ankaŭ estis memorŝtono kun la teksto en Esperanto. La tiama urba konsilio en Sopoto donacis al esperantistoj pecon da tero ĉe la rando de sopota arbaro, signita sur la nuna mapo de Sopoto kun la surskribo "Dąb Esperancki" (Esperanta Kverko).




**Memorŝtono pri la jubilea kverko**



# Sebastopolo



***Aleksandro Mitin***

fotis
verkis la poemon
verkis la historiajn notojn

## *Historiaj komentoj*

**1. Sebastopolo (Sevastopol): urbo en la duoninsulo Krimeo ĉe Nigra Maro.**

Ĝi estis fondita en 1783, laŭ edikto de Katerina la Granda, rusa imperiestrino, sur la loko de la krime-tatara urbeto Aĥtijar. Ĝi estis la ĉefa haveno de la nigramara milita floto de Rusia Imperio, kaj poste de Sovetunio. Ekde 1991 ĝi apartenas al Ukrainio. Ĝi estas aparta administra unuo de Ukrainio. Nun en Sebastopolo situas militbazoj de du ŝiparoj: la Rusa Nigramara kaj la Ukrainia.

**2. "Rakontas multaj monumentoj pri heroec' dum du defendoj". Sebastopolo travivis du malfacilajn defensivojn.**

La unua defensivo okazis en la kulmino de la krimea milito (1854–1855). Dum 349 tagoj, la rusaj armeanoj kaj flotanoj en la urbo kontraŭstaris pli multajn armeojn de la alianco de kelkaj regnoj (Brita Imperio, Francio, Otomana Imperio kaj Regno de Sardio), kaj la aliancaj armeoj vane penadis preni la bastionojn. Tri ĉefaj organizantoj de la defensivo dume pereis: vicadmiralo Kornilov, admiralo Naĥimov kaj admiralo Istomin. La 27-an de aŭgusto 1855, la francoj prenis la plej gravan pozicion de la defensivo, kiu estis Monteto Malaĥovo. La sekvan tagon, la rusa armeo lasis la sudan (ĉefan) parton de Sebastopolo, transiris al la sebastopola golfeto kaj ekstaris sur ĝia norda bordo. Por posedi la tutan urbon, la alianco bezonis ataki la nordan parton de Sebastopolo, sed por tio jam mankis fortoj. Rusia Imperio malvenkis en la milito, tamen ne perdis la gravan urbon. Sebastopolo fine estis redonita al Rusia Imperio, kaj interŝanĝe rusa estraro redonis al Otomana Imperio la urbon Karso.

Dua defensivo okazis en la Dua Monda Milito. Dum 250 tagoj en Sebastopolo, la sovetunia armeo, kun helpo de loĝantoj, kontraŭstaris la armeon de la hitlera Germanio, kiu entreprenis tri provojn posedi la urbon. Fine la urbo cedis, sed pro tro longa tempo de defensivo, la planoj de Hitlero pri fulma milito fiaskis. Hitlera Germanio perdis multe da tempo kaj soldatojn. Tiu defensivo estis unu el la plej gravaj faktoroj de la hitlera milita malvenko.

Sebastopolo estis sub Germanio dum 22 monatoj. Multege da civitanoj estis murditaj. La 5-an de majo 1944, la sovetunia armeo komencis sian kontraŭatakon. La 7-an de majo okazis la sukcesa sturmo en Monto Sapuno, kaj la 9-an de majo la sovetunia armeo liberigis Sebastopolon el la germana okupado.

**3. "Vicadmirala fama vort'"**

Dum la krimea milito, dum atako al la bastiono sur Monteto Malaĥovo, la grave vundita vicadmiralo Vladimir Kornilov (1806–1854) antaŭ ol sveni sukcesis diri al siaj kunbatalantoj la frazon «Отстаивайте же Севастополь» ("Defendu ja Sebastopolon!"). Nun sur la loko de vicadmirala fatala vundigo estas la monumento al la vicadmiralo, kaj sur ĝi estas skulptita ankaŭ tiu frazo.

**4. Ĥersoneso**

Ĝi estis greka civito, kaj poste romia kaj bizanca urbo en Krimeo. Ĝi ekzistis de la 6-a jarcento a.K. ĝis la 14-a jarcento de p.K., kiam ĝi estis detruata. En 1827 oni komencis la elfosadon de Ĥersoneso. Nun la antikva urbo, parte rekonstruita, estas muzeo-konservejo kaj unu el la plej gravaj arĥeologiaj sciencaj centroj.

### 5. Fama libro krapivina.

Krapivin, Vladislav Petroviĉ (nask. en 1938): rusa verkisto por infanoj kaj adoleskuloj. En multaj libroj de Krapivino aperas la urbo Sebastopolo, jen kun sia propra nomo, jen kun alia. En la poemo estas menciita la libro «Трое с площади Карронад» ("Trio de Karonada Placo"), verkita en 1979. Tie Sebastopolo aperis simple kiel "Urbo", ĉiam kun la unua litero majuskla.

Karonada Placo: iu placeto en la libro, kies pratipo (laŭ opinio de sebastopolaj legantoj) estas la vojkruciĝo situinta proksime de la strato 6-a Bastiona, ankaŭ menciita en la poemo.

Karonado: malgranda ŝipa kanono kun glata tubo. La nomo "Karonado" devenis de la nomo de la uzino "Carron", kie unuafoje aperis tiuj kanonoj.

## *Sebastopolo*

Inspiro por verkista kreo –
La urbo fama en Krimeo.
Golfetoj tranĉas sen obeo
La teron de l' duoninsul'.
Sin trovas supra strat'-najbaro –
Al ĝi kondukas min ŝtuparo.
Kaj brue ondas Nigra Maro –
La revo de romantikul'.

Sebastopolo estas glora
Loĝloko de ŝipar' honora.
Dum tempo plaga kaj dolora
Montriĝis tie nia fort'.
Rakontas multaj monumentoj
Pri heroec' dum du defendoj,
En koroj sonos dum jarcentoj
Vicadmirala grava vort'.

Sebastopolo estas juna –
Dum ducent jaroj l' urbo nuna
Lokiĝas sur ĉi-loko suna.
Sed ruinar' de Ĥersones'
Je histori' antikva spiras,
Atentojn de homar' altiras,
Al ni nun pri antaŭo diras –
Pri inda temp' je malforges'.

Sebastopolo estas varma,
Kaj iam tro, sed estos ĉarma,
Se iros vi de strato svarma
Al trankvilema ombra strat'.
Jen sur la domo kreskas vito.
Promenu tie en medito –
Foriros ĉiu nervekscito,
Kaj tuj plenigos vin beat'.

Ĉi urbo estas origina
Por fama libro Krapivina:
Promenu vi tra strat' fascina
Al lia Karonada plac'.
Ĉe mur' de sesa bastiono
Kun embrazuroj por kanono
Knabet' per spado el bastono
En lud' batalas kun aŭdac'.

Eksonis forte mia volo
Promeni en Sebastopolo
Ĉe ĝiaj domoj sub tegolo.
Mi prepariĝis por la voj'.
Dum kelkaj jaroj kora voko
Min tiris al ŝatinda loko
Por ke sur stratoj, maro, roko
Min trafu kaj inspir', kaj ĝoj'.


Kanono (ne karonado).

# Sebastopolo


Velboatoj


Ĥersoneso.


Kanono (karonado).


Strato 6-a bastiona.


Monumento omaĝanta la dronigitajn ŝipojn.

